5-a jaro. — N-ro 6 (54). Aprilo 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*




REDAKCIA PARTO :
Oscar VAN SCHOOR

ADMINISTRACIA PARTO :
Frans SCHOOFS



**UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16**

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

# EDWARD JORIS

GENERALA LIBREJO "'t KERSOUWKEN"

Ĉiam grandege provizita je Esperantaj Literaturaĵoj. Liveras n la ŝpaco da 24 horoj ĉian ajn libron.

## DE VOORLOOPER

Plej nova kaj plej perfekta metodo por memlerni Esperanton en kelkaj semajnoj, sen profesoro.

St Jacobsmarkt, 66, ANTWERPEN 4

---

BURĜA BIERFAREJO

## H. VAN MEERBEECK

**Sterlingerstr., 126-128**

**BORGERHOUT**

| Bareloj. Litroj | 1/1 160 | 1/2 80 | 1/4 40 |
|---|---|---|---|
| Triobla hordea | 42 | 21 | 11 |
| Duobla hordea | 30 | 15 | 8 |
| Hordea | 22 | 11 | 5,50 |
| Duonhordea | 16 | 8 | 4 |
| Blanka biero | 14 | 7 | 3,50 |

**En boteloj**

| | |
|---|---|
| Duobla hordea 0.25 | Tabla biero 0.12 |
| Ekstra hordea 0.15 | Duobla blanka 0.12 |

*La boteloj estas la propraĵo de la Bierfarejo ;* ili povas esti *nek aĉetataj, nek vendataj, nek plenigataj.* 26

---

## Likvorvendejo

—o—o—o—

## C. VINCK

**24, VONDELSTRAAT, 24.**

**ANTWERPEN**

—o—o—o—

Specialaj kaj bongustaj likvoroj

—o—o—o— 21

**Esperanta Likvoro**

**SAMIDEANO**

---

## JOS. VAN DEN BOSCH

**52 LANGE NIEUWSTRAAT LONGUE RUE NEUVE 52**

ANTWERPEN

*Aĉetas, vendas kaj interŝanĝas poŝtmarkojn por kolektoj.*

= ALBUMOJ KAJ NECESAĴOJ =

=== POR FILATELIISTOJ ===

Sendas por elekto, kun granda rabato sur katalogoj kaj laŭ mkosto 49

---

## FOTOGRAVUREJO

**M. MAUQUOY kaj filoj**

**Sint-Jacobsmarkt, 75**

**— ANTWERPEN —**

—:o:—

Kliŝajoj kaj desegnaĵoj por revuoj kaj libroj. Tre prizorgita laboro kaj malaltaj prezoj. 18

---

**KAFEJO** 25

**« Witte Leeuw »**

POSEDANTO

CH. DEELEN

— TELEF. 1949 —

*Kunvenejo por esperantistoj*

**KUNSTLEI, 4. — Antwerpen.**

---

Libropresejo — Litografejo — Librobindejo

Esperantaj Presaĵoj

*— Firmo fondita en 1868 —*

## JOS. DIRIX KAJ FILO

Markgravestraat, 11

ANTWERPEN

---

## HOTEL DE COLOGNE

Posedanto : A. VINKEN,

— 53, de Keyserlei, 53 —

ANTWERPEN

—o—

Ĉambroj kun matenmanĝo de fr 3.50.

Disvendado de la famkonataj bieroj Dortmund (*Union*) kaj Munĥeno 15

— (*Augustiner Brau*) —

5-a JARO. APRILO 1913. 6a NUMERO (54)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

**Redakcia parto** : OSCAR VAN SCHOOR | **Administracia parto** : FRANS SCHOOFS

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## KOMUNIKAĴO de la BELGA LIGO ESPERANTISTA

### *Al la Esperantistaro,*

Ni havas la honoron sciigi ke la Va Belga Kongreso okazos ĉi tiun jaron, en la urbo de Spa, dum la Pentekostaj festoj, la 11-12an de majo.

Ni rememoras ke la kongresoj estas unu el la plej bonaj rimedoj por la propagando, ne nur en la urbo ĉe kiu ili okazas, sed por ĉiuj esperantistoj kiuj partoprenas en tiu elmontraĵo, ĉar interparolante kun la samideanoj de ĉiuj lokoj de la lando kaj kun multe da eksterlandanoj, ili havas ideon pri la progreso de Esperanto en diversaj lokoj kaj el tiuj rilatoj ĉiu povas profiti por la propagando en sia propra urbo.

Ĉar la elektita urbo estas unu el la plej belaj lokoj de nia lando, la kongresanoj certe, pasigos plej agrable la du kongrestagojn.

Ni do insiste petas por ke, kiel eble plej multe da esperantistoj aliĝu la kongreson.

Ni faras ankaŭ specialan alvokon al niaj eksterlandaj amikoj, kiuj ĉiam estas pretaj por helpi nian movadon.

Sube la programon. — La tagordo de la ĝenerala kunveno estos baldaŭ sendata al ĉiuj liganoj.

*Je l' nomo de la Belga Ligo.*

*La ĝenerala Sekretario,* L. CHAMPY. *La Prezidanto,* A. J. WITTERYCK.

AVIZO. — La prezoj de la hoteloj estas tre favoraj. Oni povas lui ĉambrojn de fr. 3.00 ; 3 50 ; 4.00 kaj 4 50.

Por la enskriboj kaj pliaj detaloj, sinturni al la sekretario de la loka komitato, S-ro J. Desonay, 3 Place Verte, Spa.

# Va Belga Kongreso en Spa.

DIMANĈO, LA 11AN DE MAJO.

10 1/4a h. Kunveno de la gekongresanoj, apud la Stacidomo. (Café de l'Harmonie).
10 1/2a h. Oficiala akcepto en la Urbdomo.
11a h. Jara Ĝenerala kunveno de la « Belga Ligo Esperantista » en la « Pavillon des Petits jeux ».
12 1/2a h. Fotografado de la gekongresanoj en la ĝardeno de la Kursalo.
13a h. Festeno. — (Prezo 3.50 frs.)
15a h. Vizitado de la Urbo. (Bandomo, akvofontoj, kursalo, Muzeo, k t. p.)
19 1/2t h. Granda Esperanta festo en la « Théâtre du Casino ». Reprezentado de « Smjoro Herculess » kaj L'héritage Klodarec — ; monologoj ; k. t. p.

LUNDO, LA 12 AN DE MAJO.

9a h. Kunveno de la gekongresanoj en la « Galerie du parc de 7 heuras. »
9a h. Granda ekskurso, piede tra la pentrindaj ĉirkaŭjoj de Spa. — Je la 13a dum la promenado kampmanĝo apud la lago de Warfaaz.



La Ora Libro, pentrita de A. Fontaine.

# SPA

## La Urbo de la Kvina Belga Kongreso

La urbo Spa, kiu havos la honoron akcepti la 11an kaj 12an de majo, la belgajn gesamideanojn, prezentas al la fremduloj multnombrajn distraĵojn kaj privatan ĉarmon. Ĝia centjara famo estas kvazaŭ tutmonda. De jarcentoj, ĝiaj ferhavantaj akvoj estis konataj. La historio markas ĝian eltrovon je la komenco de la XVIIa jarcento, kaj raportas la nomojn de la veneziano Agostino, kuracisto de la angla reĝo Henriko XVIIIa, de la Kardinalo Mendoza kaj de Marie de Lara, la unuaj kiuj venis en Spa pro ĝia akvoj.

La **Ora Libro,** pentrita de Antoine Fontaine, artisto naskita en Spa, estas belega pentraĵo lokita en la vintra ĝardeno «POUHON». Ĝi riprezentas centon da famaj personoj el ĉiuj landoj kiuj venis en Spa por peti de ĝiaj bonfarantaj akvoj la resanigon de ilia difektita bonfarto.



La Promenejo Meyerbeer.

La **Perlo de la Ardenoj** (kiel oni nomas Spa) ŝuldas grandan parton de sia famo al sia bela situacio, funde de pentrinda valo, kontraŭ nordaj ventoj ŝirmata de rondo de arbaraj montetoj kiujn trairas multegaj arte konstruitaj promenadaleoj. Tie la vizitanto, spirante la vivigan aeron de altaĵoj, trovas je ĉiu paŝo belegajn pejzaĝojn kaj ĉarmajn vidaĵojn.

La **promenejo Meyerbeer**, sur la bordo de tordita rivereto, kiu formas aron da belegaj akvofaletoj, estas rava kaj senkompara? Tie la fama muzikartisto venis ĉiun someron dum 20 jaroj, por serĉi la inspiron de siaj ĉefverkoj : le Prophète, Robert le Diable, l'Africaine, k. t. p.

Ni nomu ankoraŭ el la plej belaj rimarkindaĵoj, la **promenejon d'Orleans** kiun konstruis dum la jaro 1887a la Orleans'idoj, por sia patrino, la dukino d'Orleans kiu estis veninta en Spa por fari kuracadon ĉe la mineralakva fonto «**Sauvenière**» la **promenejon de artistoj** : tiu de **Annette kaj Lubin** ; la **lagon de Warfaz**, ktp. ktp.



La Fonto Sauvenière.

Spa posedas rimarkindajn monumentojn inter kiuj estas plej citindaj : la belega **Bandomo**, provizita per ĉiuj plej novaj perfektigaĵoj ; la **Kursaal** kun siaj belege ornamitaj salonoj por kunvenoj, sia beleta teatro, sia grandampleksa kaj luksa salonego por festoj, kiu povas facile enhavi 4500 personojn. Tie okazas la grandaj artistaj koncertoj, la operaj riprezentadoj, kotiljonaj baloj k. t. p. ; la katolika preĝejo konstruita laŭ romana stilo ; la anglikana preĝejo, laŭ ogiva stilo ; la **Pouhon Pierre le Grand** ; la galerio Leopold II, k. t. p.

En la ĉirkaŭaĵoj de Spa, multe da kasteloj kun belaj somerdomoj stariĝis jam de kelkaj jaroj. De majo ĝis oktobro, Spa



La katolika Preĝejo.

oferas al la fremda kolonio serion da allogaĵoj (attractions) kaj multnombrajn festojn kiuj igas ĝin vere banurbo de unua rango. Ĉiuj sportoj trovas lokon tie : aerveturado, ĉevalrajdadoj, konkursoj por kurado kaj saltado, aŭtomobilkuradoj, golfo, teniso, kolumba pafĉasado, boatajoj, ĉaso, fiŝkaptado, vintraj sportoj, ktp.



Kampodomo en la ĉirkaŭaĵo de Spa.



Ripozejo en la arbaretoj de Spa.

El tiu mallonga priskribo, oni vidas ke la urbo Spa estas unu el plej vidindaj de nia lando. Niaj gesamideanoj havos dum la kvina belga kongreso la okazon viziti Spa kaj interkonatiĝi kun ĝiaj allogaj rimarkindaĵoj.

## Projekto de Protokolo pri la komitata kunveno de la «Belga Ligo Esperantista», okazinta la 30an de marto, en la salono de la «Hôtel Métropole» en Bruselo.

La kunveno estas malfermata je la 10a 1/4. S-ro Witteryck prezidas.

CEESTAS : *Delegitoj de la ĝenerala kunveno :* Sroj Babilon, Champy kaj Van Schoor. S-ro Parotte senkulpiĝis.

*Delegitoj de la grupoj :* Sroj Dro Van der Biest & Van de Velde (A.G.E.); J. Jacobs & Derks (S. L.) ; A. Vermandel (V. S.) ; F-ino Posenaer (Lirb.) ; Sro Clerbaut (B. G.) ; F-ino Ledène & Sro Witteryck (B. G.) ; Sroj Delvaux (K. G,) ; Sebruyns & Petiau (G. G.) ; De Bruyker (E. G.) ; Van Wesenbeeck (V. F.) ; kaj Desonay (S. E.) ; Sro J. Barbe de Gentbrugge & S-ino Borckmans de Spa ĉeestas la kunvenon.

18 delegitoj ĉeestas sur la 27, sekve la kunvenantaro povas rajte voĉdoni.

1e — PROTOKOLO. — La projekto de protokolo de la antaŭa kunsido, post rimarkoj de S-ro Vermandel estas aprobata kiel definitiva protokolo, laŭ la teksto presita en « Belga Esperantisto » paĝoj 287 ĝis 292 (N. 48), krom la jena preseraro : paĝo 289, je la 8a linio, legu 23 voĉoj anstataŭ 28.

2e — *Aliĝo de novaj grupoj* — La prezidanto klarigas ke la grupoj « Ĉiam Antaŭen » de Caprycke, kaj « Liera Stelo » de Lier, petis aliĝon.

Ĉar nenio en la regularo de ĉi tiuj societoj kontraŭstaras la ligan regularon, la prezidanto proponas ke oni akceptu ilin. Ambaŭ grupoj estas akceptataj unuvoĉe, unu post la alia.

Sekve de tiu decido, S-ro Leflot, delegito de « Liera Stelo » eniras la kunvenejon kaj estas tuj gratulata de la Prezidanto pri sia agemeco. La prezidanto samtempe gratulas S-ron Jacobs, la iniciatoro kaj fondinto de ĉi tiu grupo kaj disdonas al la du samideanoj, je sia propra nomo, kaj kiel kuraĝigilon serion de esperantistaj libroj de li eldonitaj

3° — PROGRAMO DE LA EKZAMENOJ. La projekto de la programo pri la ekzamenoj pri kapableco kaj profesora kapableco, prezentata de la Juĝantaro estas akceptata laŭ la teksto presita en la tagordo, kaj kun la aldono ke, por la instruado, la kanditatoj povos uzi ankaŭ la naciajn lingvojn.

La plena teksto de tiu programo estos presata en « Belga Esperantisto » samtempe ke la nuna protokolo.

La propono de S-ro Cart, pri la uzado de la radikaro dum la ekzameno ne estas aprobita.

4° — REGULARO DE LA BELGAJ KONGRESOJ. Ĉar la lasta kongreso elmontris la necesecon de la regularo, S-ro Champy faris projekton de regularo, celante klare difini la rajton de ĉiu.

Post interŝanĝo de ideoj, la kunvenantaro akceptas unuanime la jenan tekston, proponitan de S-ro Van Schoor :

« La komitato de la Belga Ligo Esperantista zorgas pri la organizado de la » Belgaj Kongresoj. Ĝi komisias lokan komitaton por prizorgi, interkonsente » kun la prezidanto de la Belga Ligo, ĉion kio ne rilatas la ĝeneralan kun- » venon, kies organizo koncernas nur la ligestraron.

» Belga Kongreso konsistas el :

» 1° *La ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista.* Rajtas ĝin parto- » preni ĉiuj belgaj esperantistoj kiuj estas ĉu senpere, ĉu pere de ia belga » grupo, anoj de la Ligo, kaj ankaŭ ĉiuj esperantistoj,ĉu belgaj,ĉu eksterlandaj, » kiuj pagis la kongresan kotizaĵon.

» 2° *La neoficialaj festoj.* Povas ilin partopreni ĉiuj esperantistoj, ĉu belgaj, » ĉu eksterlandaj,kiuj pagis la kongresan kotizaĵon.

» Rajtas voĉdoni nur la belgaj esperantistoj, anoj de la Ligo. Neniu havas » rajton je pli ol unu voĉo.

» Voĉrajtkarto estos disdonotaj al la liganoj.

» La ligestraro zorgas por ke la kontrolo de la voĉrajto estu efika. »

5° — KONGRESO DE SPA. S-ro Desonay kaj S-ino Borckmans donas klarigojn pri la nuna stato de la organizado de la Va kongreso. La projekto de programo de ili prezentata, estas akceptata.

La Prezidanto dankas la organizantojn kaj faras alvokon al ĉiuj por partopreni en la kongreso kaj varbi kiel eble plej multe da partoprenantoj.

6°—PROKSIMA ĜENERALA KUNVENO.Krom la diversaj punktoj jam fiksitaj dum la lasta komitata kunveno estas decidata ke la regularo de la belgaj kongresoj estos enskribata sur la tagordon.

La Esperantistoj kiuj havas specialan temon por tiu kunveno, devas konigi ĝin, sen prokrasto, al la prezidanto de la Ligo.

7° — ESPERANTISTA SEMAJNO-KONGRESO. S-ro Sebruyns klarigas tiun demandon kaj sciigas ke la afero tre bone promesas. Li faras alvokon por ke ĉiuj aliĝu al tiuj elmontraĵoj.

8° — ESPERANTISTA EKSPOZICIO EN GENTO. — La komitato decidas ke la Ligo ne povas akcepti la organizadon de speciala fako en la venonta ekspozicio.

9° — DELEGITO ĈE LA IXa KONGRESO. F-ino Posenaer estas elektata kiel oficialan delegiton ĉe la kongreso de Bern. Pri la delegito por la kongreso de U. E. A., li estos elektata poste dum la Va kongreso.

10° — PROPAGANDA SEKCIO. La Prezidanto faras raporton pri la agado de tiu sekcio, kies rezultato jam akirita estas tre grava. Li sciigas ke la laboro efektivigita dum la lasta sezono permesos baldaŭ la starigon de novaj grupoj en diversaj lokoj.

La kunveno disiĝas je la 13 3/4a.

La ĝenerala Sekretario.
L. CHAMPY

# La Flandra Leono

*Flandra nacieca Kanto*

Muziko de K. Miry. Paroloj de H. Van Peene.
Esperantigis A. Grabowski (Varsovio)



# LA FLANDRA LEONO

(El H. J. VAN PEENE)

*» Zij zullen hem niet temmen,*
*» Den fieren Vlaamschen Leeuw. »*

Neniam kvietiĝos
Leonon flandran vi;
Li ĝuos liberecon,
Nenion helpos kri'.
Neniam kvietiĝos,
Dum vivos ni, leon'
Dum havos li ungegojn
Kaj dentojn laŭ bezon'.

REFRENO:

Neniam kvietiĝos,
De Flandro la leon',
Dum havos li ungegojn
Kaj dentojn laŭ bezon'.

La temp' forglutas urbojn,
Kaj falas iam tron',
Sed ne pereos nia
Popolo kun leon'.
Almarŝas malamikoj,
Minacas mort-furi',
Ni ridas pri danĝeroj,
Leono apud ni.

Batalas li jarmilon
Por flandra kara sort',
Kaj restas li potenca
Kaj en juneca fort'.
Pensante ke li svenis,
Aliras vi kun mok',
Minace kaj terure,
Leviĝas li el lok'

Kaj se intencas oni
Per fals', perfid' en fin',
Surprize lin ataki,
Malliberigi lin,
Atentas li pri ĉiu
Suspekta via gest',
Hirtigas kolhararon
Kaj muĝas reĝa best'.

Sufiĉe da incitoj:
Jen venĝos potencul,
Al malamik' li saltas
Kun fajro en okul':
Disŝiras li kaj rompas
En la batal-furi',
Per sango makulite,
Triumfe muĝas li.

REFRENO:

Neniam kvietiĝos
De Flandro la leon',
Dum havos li ungegojn
Kaj dentojn laŭ bezon'.

Esperantigis
Antoni Grabowski
(Varsovio)




## 5a CIRKULERO

La organiza komitato esprimas sian plej sinceran dankon al la multnombraj esperantistaj revuoj, kiuj vokis la atenton de sia legantaro sur la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso.

Pri temoj pritraktotaj en la *literatura kaj desegnaĵa konkurso* ni jam povas doni la jenajn informojn.

**Redakcio de « Belga Esperantisto »** Antwerpen. Por la plej bela monologo, premio : Plenan kolekton de la 4 unuaj jaroj kaj abono ĝis la fino de la 5a jaro.

**Sro Oscar Van Schoor** : Antwerpen. Por la plej bela muziko verkita sur esperantaj paroloj ; premio : Arta Okjekto.

**Sro Arthur Vermandel**, Antwerpen. *Sekcio* (*d*).

1e Por la plej bela *propagandsigelmarko*, premio : kolekto de lukse binditaj esperantaj verkoj.

2e Por la plej bela *kongresmarko* : premio : Arte enkadrigita portreto de unu el la plej famaj belgaj esperantistoj formato 30×40.

Pliajn detalojn enhavos la sekvanta numero de « Belga Esperantisto. »

Ni faras varman alvokon al la esperantistaj organismoj, ĵurnaloj kaj ankaŭ al ĉiuj bonvolemaj samideanoj por ke ili difinu temojn kaj aljuĝu premiojn. Ili bonvolu sin turni al : Sr Sebruyns, Gentschestraat, 34. St Amandsberg (Gent)

La organiza komitato de la Internacia Ekspozio metis je la dispono de la Int. Esp. Semajno Kongreso, la grandegan festsalonon kaj multajn ĉambrojn de la festpalaco de la 14a ĝis la 20a de Aŭgusto 1913.

La organiza Komitato

A. S. — En la konkursa regularo (art VI) sin trovis malgranda eraro, oni bonvolu legi : La verkoj devas esti sendataj, per rekomendita letero, antaŭ la 15a de Julio 1913 al Sro M. Sebruyns. Gentschestraat 34. St Amandsberg (Gent).

## PROGRAMO

DE LA

# Ekzamenoj de la Kapableco kaj profesora Kapableco

(*Aprobita de la komitato de la « Belga Ligo Esperantista » dum ĝia kunveno de la 30 de Marto 1913.*)

**I. Atesto de simpla kapableco.**

*Skriba Parto.*

1e Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen vortaro.

2e Traduko en Esperanton, sen vortaro.

3e Letero.

(Daŭro : 2 1/2 horoj).

*Voĉa Parto.*

Legado kaj traduko de Esperanta teksto.

(Daŭro 10 minutoj).

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 6/10 de la poentoj.

**II. Atesto de profesora kapableco.**

*Skriba Parto.*

*A.* 1e Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen votaro.

2e Traduko en Esperanton, sen votaro.

3e Redakto : Pritrakti temon en Esperanto.

(Daŭro : 3 horoj).

*B. Voĉa Parto.*

1e Legado de Esperanta teksto, (dum 5 minutoj).

2e Traduko de la legita teksto.

3e Voĉa resumo de tiu teksto.

4e Klarigo, per Esperanto, pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj pri kunmetitaj vortoj, (dum 5 minutoj).

5e Interparolado kun la membroj de la juĝantaro, (dum 5 minutoj).

*C. Instruado.*

*a)* Instruado, per Esperanto, aŭ naciaj lingvoj pri gramatika punkto.

(Speciala punkto por ĉiu kandidato). (15 minutoj).

*b)* Paroliga ekzerco kun lernantaro. (10 minutoj).

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 65/100 de la poentoj en ĉiu parto.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Deziras korespondi.** — S-ro Ernesto Gates, 15 Pickles Lane, Great Horton, Bradford (Anglujo).

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la diŝajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN. — Grupo Verda Standardo.** En tiu vigla grupo okazis ĝenerala kunveno la 27an de marto. Oni decidis principe fari grandan propagandon inter la komercaj oficistoj de Antwerpen kaj ĉirkaŭaĵo ; ankaŭ oni decidis peti monhelpon de la urbestraro.

**BORGERHOUT. — Grupo Laboro.** La 20an de marto okazis en la sidejo de la grupo, Turnhoutschebaan, 36, sub la prezidanteco de S-ro Arth. Vermandel, la ĝenerala kunveno ; multaj gravaj punktoj estis en la tagordo ; interalie, ni rimarkis la starigon de ŝparsekcio por faciligi al la membroj la ĉeestadon ĉe la estontaj kongresoj, la organizon de 2a esperanta kurso, k. t. p. La prezidanto instigis la ĉeestantojn ĉeesti kiel eble plej multnombre en la 5a Belga Kongreso, Spa, en la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso, Gent, kaj en la 9a Internacia Kongreso en Bern ; ankaŭ estis decidita reorganizi la parolad- kaj legadvesperoj kiuj tiel sukcesplene funkciis lastan jaron.

**La Grupo Laboro** organizis novan kurson, kiu komencis la 2an de marto per publika parolado, farita de la profesoro, S-ro Arthur Vermandel ; 20 personoj sin enskribigis !

**Suda Lumo.** informas la esperantistaron ke komence de nun, ĝi regule organizos, la duan jaŭdon de ĉiu monato en sia sidejo « Distillerie du Cirque », 32 Leo old de Waelplaats, Antverpeno, festkunvenon konsistontan el paroladoj kaj kantadoj ; la aliajn jaŭdojn, la kunvenoj okazos, kiel kutime en la komunuma lernejo de la Kasteelstrato.

Intencante regule organizi festojn, ĝi petas la bonvolemajn samideanojn kaj ankaŭ la samideaninojn, kiuj dezirus kunlabori al ilia sukceso, ĉu kantante, ĉu deklamante, aŭ ĉu ludante rolon en teatraĵo, ke ili konigu sian adreson, kiel eble plej baldaŭ, al la sekretario, 39, Nationalestrato.

Ĝi esperas ke ĝia alvoko estos favore respondata kaj sendas al tiuj kiuj helpos ĝin en ĝiaj entreprenoj, siajn plej sincerajn antaŭdankojn.

**Suda Lumo.** En la lastokazinta ĝenerala kunveno, la jenaj membroj elektiĝis kiel komitatanoj :

S-ro Jan Jacobs, prezidanto (adreso : 144, Boomsche steenweg) S-ro J. Willem Dollez, vic., S-ro Frans De Backer, sekretario-raportisto, S-ro L. Verbraeken, sekretario-korespondisto, S-ro Jan Dillen, festkomisario.

**Sta MARIABURGO.** — La 18an de l'pasinta monato, la Verda Flago reunuigis siajn anojn ĉirkaŭ gastema tablo en la festsalono de la hotelo « Prince Albert » ĉe nia samideano Fr. Bormans. Estis kiel kutime dolĉa kaj agrabla kunestado kie regis tiu samideana spirito kiu karakterizas kaj ĉarmigas ĉiun esperantistan kunvenon. Ni estis kunvenintaj por inde festi la foriron de nia altestimata sekretario-profesoro Sinjoro J. Weyts, kiu dum 5 jaroj dediĉis siajn tutajn fortojn al la disvastigado, plifortigado kaj progresado de l' esperanta vivo en nia urbeto.

Tial, festeno estis oferata al li, kiel adiaŭa saluto al foriranto, kiu, feliĉe povas foriri kun la dolĉa memoro pri la tasko fidele plenumita, ĉar

li lasas post li la esperantan ideon fortike kaj profunde enradikigitan. Je la nomo de la Verda Flago. nia prezidantino Sinjorino Thiels, esprimis emocie tutkoran dankon al la festato kaj oferis al li kiel memorigan donacon belegan skribilaron. Tre kortuŝita, Sro J. Weyts respondis. dirante profunde sentitan dankon pro tiu afabla manifestacio kaj donante tre meritatan kaj laŭte aplaŭdatan honoron al nia sindonema prezidantino.

Kompreneble, ĉar ŝajnas ke esperantistoj kune estantaj ne pensas pri tempo, la festo daŭradis ĝis.... sed ne, ni estus babilemaj.

Sinjoro J, Weyts estas anstataŭata de Sro F. Bormans kiu, ni esperas, sekvos la montritan vojon por la plej granda bono de nia grupo kaj de Esperanto ĉi tie.

Ŝesulo

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ITALUJO.** — La *Kvara kongreso de Italaj Esperantistoj* okazos, en Milano de la 31a de aŭgusto ĝis la 2a de septembro 1913, tuj post la internacia kongreso en Berno.

Tio permesos al multaj partoprenontoj de la « NAŬA », partopreni ankaŭ la nacian italan kongreson.

La oficiala malfermo okazos dimanĉon, la 31an de aŭgusto, je la 15a horo (3a posttagmeze), kaj intencotaj estas jenaj aranĝoj : komuna manĝo sekvota de prezentaĵoj kaj deklamaĵoj, laboraj kunsidoj, konduko tra la urbo, ekskurseto al Monza kun Reĝa Parko kaj tuttaga ekskurso al la Lago Granda (Lago Magiore). Ni ĝuos fervojajn rabatojn.

La kotizaĵo por la kongreso estas Sm. 2.—(L 5.—) adresotaj al s-ro Oscar Bünemann. Via Saffi 24, per transpagilo de la Ĉekbanko Esperantista aŭ per poŝtmandato.

Venu Milanon, koran bonvenon!

---

# Pri l'influo de pantalonoj sur la fervojaj kuponoj

En Belgujo, la knaboj malpli ol sep-jaraj pagas duonan prezon por la fervojaj vojaĝoj.

Ĉe la stacidomo de Antverpeno alvenas sinjorino kun fileto kaj servistino, kaj de la komizo petas du plenajn, kaj unu duonan kuponojn ĝis Bruselo.

— Por kiu la duona ? diras la komizo.

— Por mia fileto, respondas la sinjorino.

— Duona ! por via fileto ? Neniam ! Li devas pagi plenan kuponon, li estas pli ol sep-jara !

— Laŭ kio vi tion rimarkas ? diras sinjorino.

— Li havas longan pantalonon !

— Ah ! bonege, respondas la sinjorino. Nu ! donu al mi, por mia fileto, plenan kuponon, mi petas.

— Jen, diras la komizo. Kaj por vi, sinjorino ?

— Duonan...

— Ah... kaj por via servistino ?

— Nenian !... diras la sinjorino.

—... (apopleksie la komizo teren falas !)

Ho, Sankta Administracio ! N. F. B. CASTEAU.

# Propagandsigelmarkoj

*ĴUS APERIS*




Nº 4/6




Nº 9/10

kvar specoj da propagandsigelmarkoj, ili estas aĉeteblaj ĉe S-ro ARTHUR VERMANDEL, BORGERHOUTSCHE STRAAT, 72, ANTWERPEN, je la sekvantaj kondiĉoj : nº 4/6, trispecaj, (verda, ruĝa, blua) Je fr. **1.50** po 100 ekz.

Nº 9/10. — presita en du koloroj sur blanka papero. Je fr. **2.50** po 100 ekz. (eksterlande poŝtelspezoj plie).

---

## Bona Propaganda por Esperanto.

Ni ofte povis rimarki, ke la plej bona kaj plej konvinkanta impreso estis atingita, se ni fordonis esperantajn katalogojn aŭ prezarojn de gravegaj firmoj al la koncernantoj, ne konsiderinte, ĉu ili komprenas Esperanton aŭ ne ; tiel ni pruvis, ke nia lingvo estas ŝatata kaj uzata de entreprenoj, kiuj certe havas la kutimon pripensi ĉiujn detalojn antaŭ ol elspezi tiom da mono por tiuj multkostaj kaj gravegaj verkoj ; alie la firmoj atingis ilian celon, ĉar tiuj propagandiloj estis klarigitaj kaj tre atente rigarditaj ; multaj novaj rilatoj estis ligitaj, kaj la profitoj, kiujn ili alportis, pligrandigis la intereson kaj helpon por nia movado.

Sekve ni direktis nian plej grandan atenton al tiu servo, kiu nun ĝuas kreskantan konfidon, kaj multaj aliaj firmoj decidas presigi iliajn reklamilojn en Esperanto kaj distribuigas ilin per nia instituto, kiu mem de eksterlandaj entreprenoj estas tre ofte uzata.

Nun multaj samideanoj volonte farus propagandon por nia movado, sed ili ne scias, laŭ kia maniero ; ĉi tie nun estas plej bona okazo.

Ni sendos al ĉiu ajn, kiu promesas fordoni ilin konscience, nombron da esperantaj katalogoj, prezaroj, prospektoj de diversaj entreprenoj, gvidlibroj de urboj, k. t. p. ; nur estas necese : sciigo de preciza kaj legebla adreso kaj aldono de sendmono por paketo da 5 kilogrammoj.

Esslingen am Neckar (Germanujo) — Virtemberga Esperanto-Jnstituto
Konto Esper-Ĉekbanko London

---

## Alvoko al la Fervojistoj Esperantistaj

Trastudante la esperantan kaj la neesperantan gazetaron ni sciiĝas, ke la esperanta movado jam estas tia potenco kiu eĉ timigas la asociojn pritraktantajn gepatrajn lingvojn. Preskaŭ ĉiujn fakorganizojn Esperanto enpenetris. Same kiel la poŝtoficistoj, ankaŭ ni fervojistoj jam posedas propran asocion.

Sed kio mankas al ni fervojistoj? Bedaŭrinde la ĉefafero al ni mankas, nome vigla interdiskutado faka, per kiu oni nur povas pli firme interligi la adeptojn de nia kara lingvo. Tial ni devas serĉi vojon, kiu kondukas nin al ĉi tiu celo, kaj mi petas ĉiujn esperantistajn fervojistojn helpi nin per instigo de kolegoj kiuj ĝis nun ne montris intereson al Esperanto.

Ni ĉiam devas montri, ke scio estas potenco kaj ke ni ne ĉiam bezonas tujan profiton por nia agado. La profito por ni gajnita per Esperanto plie estu. la pliriĉigo de nia konscienco kaj la sento, ke estas ebla al ni interkomunikiĝi kun ĉiuj ajn alilanduloj. Ĉu tio ne estas grava kaj akirinda afero? Oni ne rediru: ĉi tiu celo ankoraŭ ne estas atingita, ĉar ĉie la esperantistanoj ornamitaj per verdaj steloj ne jam estas videblaj.

Ni ĉiuj certe scios ke plibonigon de nia pozicio nur kaŭzas inteligenteco kaj diligenteco. Tial la lernado de Esperanto nepre ne estas nur ideala afero, sed praktika klerilo, utila por gajni pli bonan vivstaton.

Tion ĉiu fervojisto esperantista uzu kiel argumenton por la disvastigado de Esperanto inter la fervojistoj kaj la sukceso ne mankos.

Oni aliĝu al Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj kaj sendu monon al ĝia sekretario: S-ro Fervojasistanto Alfred Petzold, 4, III, Königstrasse, Leipzig (Germanujo).

Membro-kotizo jara: 1,500 Sm. kun *senpaga* gazeto. Subtena membro kotizo jara: 0,500 Sm.

E. Szymanowki (Bromberg)
vicprez. de la I. A. E. F.

---

# EL LA VERKARO DE H. CONSCIENCE

## Antverpeno dum la unuaj jaroj de la XVIa jarcento.

Ĝis la fino de la dekkvina jarcento, la Eŭropa Komerco disvastiĝis nesuferinte rimarkindan perturbon pri sia iama elektita direkto. Ameriko ne jam estis malkovrita, kaj al Orienta Indujo, oni ne konis alian vojon ol surlandan.

Venezio, sidante meze de ĉi tiu vojo kiel komerca reĝino, devige venigis al si la Eŭropajn kaj Aziajn popolojn, por interŝanĝi en sia sidejo ĉiujn riĉaĵojn, de la konata mondo. Nur unu urbo, la Flandra Brugo, kiel interŝanĝdeponejo de la Sudaj kaj Nordaj nacioj, iom partoprenis en la komerca prosperado de Venezio; sed senĉesaj popolmalpacoj kaj civilmilitoj jam multajn fremdajn komercistojn transloĝigis el Flandrujo en Brabantujon, kaj la Bruga prosperado estis transirinta, almenaŭ parte, Antverpenon.

La komercajn interrilatojn de la popoloj tiam subite eltiris el ilia malnova direkto du gravoj okazintaĵoj. Kristoforo Kolombo malkovris Amerikon, la novan mondon, kaj Vasco de Gama, laŭvelante la Sudan Afrikan angulon, trovis novan vojon al Orienta Indujo.

Ĉi tiu lasta malkovro, dum ĝi alilokigis la grandan mondvojon, forprenis de la urbo Venezio ĉiujn profitojn de ĝia geografia situacio, kaj al la komercistaro trudis la necesecon elekti novan centron.

Portugalujo kaj Hispanujo estis la plej potencaj surmare; iliaj nekalkuleblaj ŝipoj veturis al ambaŭ Indujoj, kaj de tie alportis la spicojn, perlojn, kaj multekostajn metalojn disŝutotajn sur la tutan malnovan kontinenton.

Do por tiu ĉi disŝutado oni bezonis deponejon lokitan mezvoje inter la Suda kaj la Norda Eŭropo, kaj kien al Hispanoj, Portugaloj, kaj Italoj, same kiel al Francoj, Angloj kaj Germanoj, Svedoj kaj Rusoj estis permesite sin turni tiel oportune, kiel al konstanta vendejo de ĉio, kion la nova kaj malnova kontinento povis interŝanĝe prezenti al la komercistaro.

La Brabanta urbo Antverpeno estis elektita kiel centro de la Eŭropa Komerco, kaj ne longe daŭris antaŭ ol oni ĝin salutis kiel la feliĉan heredanton ne nur de la fierega Venezio, sed samtempe de la riĉa Brugo.

Malmultajn jarojn antaŭ la komenco de la religiaj militoj, kiuj estis dronigontaj nian patrujon en centjarojn daŭran malfeliĉegon, la komerca movado en Antverpeno estis akirinta mirindan disvastiĝon. Miloj da sipoj, laŭ formo kaj grandeco ĉiuspecaj, kovris ĝian larĝan riveregon kiel mastarbarego, kies multkolora flagflirtado anoncadis la ĉeeston de ĉiuj komercantaj popoloj de la tero.

La Portugalaj galeroj alportis spicojn kaj gemojn el Orientlando, la Hispanaj galionoj oron kaj arĝenton el Ameriko, la Italaj marŝipoj delikatajn fruktojn kaj riĉajn ŝtofojn el la sudaj regionoj, la Germanaj komercŝipoj grenon kaj metalojn sufiĉege, kaj poste, ĉiuj, plenŝarĝitaj je aliaj komercaĵoj, alterne reveturis sian patrujon, por cedi denove lokon al la senĉese alvenantaj ŝipoj, el kiuj unuj, laŭ atestado de la Kronikoj, ofte estis atendontaj pli ol ses semajnojn, antaŭ ol ili sukcesis trovi sufiĉan spacon por alproksimiĝi elŝipiĝejon.

Malpli grandaj ŝipoj ĉiuspecaj (1) suprennaĝadis la Skeldon aŭ riskis sin surmare, por partoprenigi la popolojn de la najbaraj marbordoj en la ĝenerala mondkomerco.

Koncerne la enlanda transportado, ĉi tiu fariĝis per sarĝveturiloj, el kiuj kelkcentoj ĉiutage forveturis el Antverpeno al ĉiuj regionoj.

Oni nomis Hessen'aj veturiloj la pezajn veturilojn, kiuj, tra la granda vojo al Kolno, transportis la komerĉajojn ĝis en la koron de Germanlando

La eksterordinara agemeco, kiu regis sur tiu ĉi vasta mondvendejo, jam frue logis la fremdajn komercistojn por enloĝi urbon, kie la disfluanta oro al ĉiu promesis gajnon kaj prosperadon.

Je la epoko, kiun ni priparolas, loĝadis en Antverpeno preskaŭ mil fremdlandaj komercistoj, kiuj havis ĉiuj sian pro-

(1) hulk — boeier — heude — la traduko de tiuj ĉi teknikaj ŝipnomoj kredeble ne ekzistas, tial mi ne riskis ĝin fari mem. tradukis
P. Olicano

pran servistaron, kaj eĉ Kroniko asertas, eble kun ia trograndigo, ke, unu fojon oni povis kalkuli ĝis dekkvin mil komercantaj fremduloj.

Estis en la Borso, kie ĉi tiuj fremduloj kunvenis dufoje ĉiutage, ne nur por la komercajvendado kaj la maklerado de la marŝipaj asekuroj, sed precipe por la kambiado.

Por havigi ideon pri la trezoroj, kiujn tiutempe disponis la Antverpenaj firmoj, sufiĉus rakonti tie ĉi, ke la reĝo de Portugalujo forlevis iam en la Antverpena Borso tri milionojn da oraj Kronoj, kaj ke tie ŝia reĝina moŝto, Mario de Anglujo, prenis prunton, kies sumo estis taksita je sepdek milionoj da frankoj.

Unu nura komercisto, nomita la riĉa Fugger, postlasis je sia morto heredajon valorantan 6 milionojn da oraj kronoj, sumo, kiu, konsiderante la epokon, povus ŝajni al ni eksterordinara, se aŭtentikaj dokumentoj ne ŝirmus ĝian ekzistadon kontraŭ ĉia disputado.

Tiu ĉi riĉegeco, kaj la ĉeestado de tiom da nacioj, kiuj interkonkuradis por superi unu la alian, tiel alten kondukis la lukson en Antverpeno, ke ne malofte la Skabenaro estis publikigonta ordonojn kaj ediktojn por kontraŭbatali la festemon kaj malŝparemon, ne tiom rilate al la fremduloj, kiom je l'profito de l'patriciaj familioj kaj burĝaro, kiuj, pro la ekzemplo de la komercistoj, estis incitataj al danĝera lukselmontro.

La plejmulto el la komercistoj de Lukao, de Genovo, de Firenzo, kaj de aliaj urboj transalpaj, estis nobelaj, kaj ankaŭ pro tio, pli ol la aliaj, intime interrilatis kun la Antverpenaj firmoj nobelaj, kies anoj, jes eĉ la virinoj, plenkonis tri aŭ kvar lingvojn, kaj precipe klopodis por paroli pure kaj gracie la dolĉsonan lingvon italan.

---

# La enterigo de Liso

Super la vilaĝo ŝvebas la malrapidaj tonoj de la primortsonorado. Sur la tombejo nova tombo estas fosita, ĉiu tono de la funebra sonorado resonis en la atendanta fosajo ; estas kvazaŭ kava voĉo suprenirus el la tero, kvazaŭ gi dezireme sopirus : Venu, venu, venu !

Eĉ la bestaj nervoj ektremas dolore, aŭdante la vokon de la morto ; la hundoj plendante bojas, kiam ili aŭdas la malbelegan sonorilaron, la bovoj blekas raŭke. Malgraŭ tiuj malgajaj tonoj, respekta silento ĉirkaŭas la tutan vilaĝon ; oni rimarkas neniun alian movadon ol la malrapidan iradon de solaj, maljunaj personoj kiuj, kun preĝlibro kaj rozario, marŝetas al la preĝejo.

En la malproksimeco almarŝas malgaja sekvantaro... Sed kiel bele prezentiĝas ĉi tie la marŝado al la lasta ripozejo !

Kvar virgulinoj en neĝblanka vestaĵo, portas la ĉerkon de la kamaradino, kiu mortis en la florado de l'vivo ; ankoraŭ aliaj virgulinoj, en la sama tualeto, marŝas apude por siavice akcepti la karan ŝarĝon. Malantaŭe sekvas ĉiuj filinoj de l'vilaĝo, tenante en la manoj florojn aŭ benitan bukson, ja, eĉ la malgrandaj filinetoj, kies naiva koro ne jam komprenas kion signifas la vorto « morti ». Multaj ploras akre ; ĉiuj iras, la kapon klinante kaj afliktiĝas pri la malfeliĉa Liso, kiu, ve, tie, senkulpe elaĉetis sian eraron.

Sur la ĉerko estas ĵetitaj floroj, rozoj kaj lilioj, simboloj de la virgina pureco. Ili tiel freŝe odoras, ili tiel agrable ornamas la blankan morttukon... En la ĉerko ankaŭ floro kuŝas, lilio, rodita de la suferada vermo, velkigita kaj pala senkulpa viktimo de la malhumileco kaj de la aroganteco.

Nur tri homoj venas tuj malantaŭ la kadavro. Unuflanke iras Kobe, la servisto, aliaflanke Sus, la forĝisto, Plorante pro kompato kaj malĝojo, ili subtenas trian personon, kiu, kiel ebriulo, ŝanceliĝas sur siaj kruroj. Li kaŝas sian vizaĝon per la manoj, larmoj fluas inter liaj fingroj ; lia brusto videble spiregas kaj li dolore ploregas... Malfeliĉa Gansendonck, kulpa patro, ĉu vi ne plu kuraĝas rigardi tiun morttukon ? Je ĉiu paŝo la vermo de la konscienco sange mordas vian koron, ĉu ne ? Vi tremas pro tremo kaj honto ?...Sed mi ne volas rigardi en vian koron, via doloreĝo inspiras al mi respekton, forgesante vian pereigan malhumilecon, mi kompate ploras pri via amara suferado.

Oni alproksimiĝas la mortkampon, tie estas la pastro, kiu, apud la kadavro diros la lastan preĝon.

Sed kio estas tio, kio ĉiun terurigas kaj mutigas ? Kial tiu timkriego, kiu samtempe elvenas el ĉiuj brustoj ? Kia terurega fenomeno ektremigas la virgulinojn ?

Dio, jen estas Karlo ! Momenton li staras kiel frapita de l'tondro kaj obstine sovaĝe rigardas la sekvantaron, kies irado sub lia flambrila rigardo tuj haltis.... La konsternata junulo vidas kio okazas ! Vidu, li alkuras, la haroj malorditaj, li rapidas ĉe la kadavron ; li maldolĉege forpuŝas la virgulinojn ; li eltiras la funebran tukon, li tiras al la ŝraŭboj, sangigante siajn manojn, la ĉerkon li volas malfermi, li volas malfermi. li vokas sian Lison ; li spiregas, li kriegas, li ridas....

Jen venas homoj, kaj tiras lin kun nekontraŭstarebla forto for de la ĉ rko... Sed nova kaŭzo lin venĝkriigas, tiel terure kaj forte, ke ĉiuj tremas.

Kion vidas liaj okuloj, ke li, kiel furiozulo ĉion forĵetas de sia vojo kaj, kun terurega triumfkrio antaŭen kuras al io, kio lin incitas ?

Cielo ! tie, malantaŭ la fenestroj de trinkejo, staras la barono !

Ve, ve, la eraranta junulo eltiras tranĉilon el la poŝo : ĝi brilas tiel terure en la suno. Li saltas blekegante en la trin-

kejon; mortigo okazos. Sed ne! Li faletas kontraŭ la sojlo kaj falas kiel ŝtono, la kapo sur la plankon. Ĉiuj plendante levas la brakojn, ĉiuj tremas... sed Karlo ne plu leviĝas, li restas kuŝanta, kvazaŭ la morto en li trovis novan viktimon.

La barono, lia malamiko, estas la unua apud li; li kompate relevas la junulon de la tero kaj nun estas ankaŭ io, kio rodas en sia koro; io lin vokas: » via senpripenseco havas sian parton en la malbono, kiu tiel terure regas ĉirkaŭ vi.

Kobe ankaŭ alkuras: ambaŭ metas la junulon en seĝon kaj malsekigas per akvo lian frunton kaj bruston, tamen, li kuŝadas senforte kaj mortpale en la seĝego...

Dume, la pastro murmuras la lastan pacsaluton apud tombo; la tero falas kun kava bruo sur ĉerkon...

Karlo leviĝas el sia ŝirno. La barono volas konsoli lin... Kobe al li parolas pri lia patrino; sed la junulo rekonas nek amikon, nek malamikon; io malbelega brilas en liaj okuloj; li ridas kaj ŝajnas tiel feliĉa! — Li estas freneza...

Maria Klingelhoets, el Antwerpen.
Esperantigis

(El la verko « Baas Gansendonck »).

---

# LA PETO PRI MONO

— « Kiel? » ekkriis la entreprenisto, levante la manojn, « vi perdas kvarcent-kvindek mil frankojn? Preskaŭ duonon de miliono? Kia fatala sortbato! Mi plendas vin, S-ro van Overburg.... Kaj vi diras, ke tio malaperigas vian tutan posedajon? »

— « Jes, tutan. »

— « Sed vi devas serĉi rimedojn por savi vin kaj viajn geinfanojn! Viaj familianoj estas riĉaj: ili vin helpos. »

— « Mi jam parolis kun du el ili: la nuraj, kiuj scipovas fari tion.... Ili rifuzas. »

— Turnu vin al la ceteraj anoj de via parencaro. Ĉiuj kune ili scipovas multon. Vi devas rapidi; la afero ne suferas prokraston. Tiu ĉi malfeliĉegajo estos tuj konata.

Nur deponante la ducent-kvindek mil frankojn en la bankon vi povas forigi la malhonoron publikan. Feliĉe, vi ne estas ano de l'administrantaro; se ne oni povus vin respondigi pri la ŝtelita mono de la akciuloj.

— Nenion plu mi esperas de miaj familianoj » diris mallaŭte la barono, la sumo estas tre granda. Plie, mi ne havas tempon por atendi.

— Sed, mia plendinda Siujoro van Overburg, kion, laŭ vi, vi povas provi?

— « Mi preskaŭ ne kuraĝas diri tion al vi, » respondis la barono timeme. Vi pruvis vian amikecon al mi, vi prezentis al mi

fari servon. En mia malesperiga stato, mi esperas je vi, kiel je mia lasta helpo ! »

— « Je mi ? » murmuris la entreprenisto, malmulte honorigita pro tiu prefero. « Mi ne diras, ke sen ĝojo mi utilus al vi : sed ducent-kvindek mil frankoj, tio estas grava riĉaĵo ! »

S-ro Van Overburg levis la manojn al li kaj diris petegante.

— « Oh ! kompatu mian malfeliĉon ! Vi posedas milionojn. Viaj ĉiuspecaj entreprenoj havigas al vi ĉiutage novajn kaj sufiĉegajn monrimedojn. Se vi konsentus pruntedoni al mi tion, kion mi bezonas por pagi mian ŝuldon al la banko, vi ne plimalriĉiĝos pro tio. »

— « Sed, Barona Moŝto, eĉ se mi havus la bonvolon tion fari, tamen estus neeble al mi, elpreni kvaronon da miliono el mia kaso, sen serioze senigi min mem. »

— « Via kredito estas senlima, bonkora Sinjoro Steenvliet ! »

— « Ĉiaokaze, oni ne pruntedonas du, tri centmil frankojn sen garantiaĵo.

— « Certe ne. Sed mi povas doni al vi ian garantiaĵon. Mi taksas la nehipotekigitan valoron de miaj bienoj je ducentmil frankoj. Akceptu hipotekon ĝis tiu-ĉi sumo. Pri la ceteraj kvindekmil frankoj mi ne povas doni al vi garantiaĵon ; sed, pripensu, ke mi devas heredi de multaj flankoj, inter aliaj, de mia patrinlinia onklo, la Markizo de la Chesnaie, kiu estas pli ol sepdekjara kaj tiel malsanema, ke li loĝadas jam de ses monatoj en « Monako » ĉe la bordo de la Mezamaro, kun la espero tie rebonigi sian sanecon malfortan. Li posedas almenaŭ du milionojn. »

— « Nu, jen la helpilo ! tiel lin interrompis la entreprenisto kun ĝojo, « skribu al via onklo, li vin savos ! »

— « Oh ne ! » Malfeliĉe, li estas ege avara, kiel multaj gemaljunuloj. Mi ne ricevus mil frankojn de li. Vi vidas, S-ro Steenvliet, vi nenion riskos ; estas nur afero pri tempo. Mi petas, estu malavara, montru vian bonkorecon, ne lasu min de tie-ĉe foriri nekonsolita ! Mi ŝuldos mian feliĉon al vi ; via konscienco vin rekompencos per la certeco, ke vi estos savinta la nomon kaj la honoron de malnova nobela familio kiu, sen via helpo, certe estus pereinta. Estas io bela, io grandioza, S-ro Steenvliet, savi familion, kiun la centjaroj fondis, kaj kiun la tempo ĝis nun estas respektinta. »

La entreprenisto ŝajnis kortuŝita kaj liaj okuloj pruvis lian sendecidecon.

— « Rigardu, bona S-ro Steenvliet, » ekkriis la nobelulo, « mi petegas vin kun levigitaj manoj kaj larmoj en la okuloj, kompatu min kaj miajn plendindajn geinfanojn.

Post momento, Steenvliet ekkaptis la manon de la nobelulo kaj diris :

— « Kredu je mi, S-ro van Overburg, via malfeliĉo sincere kortuŝas min. Mi volus helpi vin, sed mi ne povas tuj

decidi pri tia grava pruntedono. Ne nur mi bezonas pripensi, sed ankaŭ mi devas scii, ĉu estas eble al mi, elpreni tian grandan sumon el miaj komencitaj aferoj Revenu morgaŭ, tiam mi diros al vi mian decidon. »

— « Ĉu mi povas esperi ke ĝi estos favora al mi ? »

— « Esperi, jes ; sed vi komprenas, ke mi nenion povas senkondiĉe promesi. »

— « Ah ! se jam hodiaŭ oni ekkonus en la borso mian staton ĉe la banko ? »

— « Komisiu unu el viaj amikoj por en tiu okazo, — laŭte deklari ke vi estas preta por pagi la de vi ŝuldatan monon. Per tio vi evitas ĉiujn malutilajn dirojn...

Nun havu bonan kuraĝon, Sinjoro barono, mi esperas ke mi scios helpi vin. — Venu, prenu ankoraŭ glason da vino, ĝi iom konsolos vin kaj vin hardos kontraŭ la malĝojo.»

Sro Van Overburg, duonkonsolita, malplenigis sian pokalon.

(El la verko *Geld en Adel*).

M. SEBRUYNS.

---

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

*(Daŭrigo)*

## SCENO KVARA

GYS — ELSJE — GEERT — *(Elsje eniras kaj iras maldekstrem)*

GYS. — Via patrino estas apud ŝi, Elsje.

ELSJE. — Jes Gys, mi tion scias, sed mi tamen devas ankaŭ vidi.

GEERT (*venas el la maldekstra pordo, kun kovrilkorbeto en la mano*). — Ŝi dormas kiel rozo. — Elsje, atendu pri la butiketo. — La lernejo baldaŭ finiĝos. — Mi prizorgos la manĝajon. — Aŭskultu, knabino, zorgu pri la retoj. — Ĝis baldaŭ. — Bonan tagon, Gys — (*ŝi eliras*)

(*Elsje iras maldekstren, eksidante sur la benkon ŝi trikas*)

GYS. — Ĉu mi povas iom helpi vin, Elsje ?

ELSJE. — Bonvole, se vi deziras. Prenu tion. (*montras reton dekstre*),

GYS. — Ĉu vi ankaŭ havas ŝnureton ?

ELSJE. — Venu, ĉi tien, estas pli facile, mi ĉion havas tie ĉi.

GYS (*aparte*). — Se mi prenus nun la bonan direkton.

(*Gys eksidas apud Elsje ; ili eklaboras, kaj atentas dum kelkaj momentoj*)

ELSJE. — Do, vi nin forlasos morgaŭ ?

Gys. — Kompreneble, mi intencas informiĝi ĉu mi povus trovi ŝipon. Mi tiel longtempe restis tie ĉi ke mi denove preferas marveturi

Estas bedaŭrinde ke la flavruĝa Hannes min ĉiam malhelpas tial ke, mi preferas foriri el Katwyk kaj reveni tien.

Elsje. — Junulo kiel vi, sola sur tero, ĉie estas hejmo.

Gys.—Tial ke mi ne havas hejmon... Jes ! Kiom feliĉa devas esti tio ; posedi hejmon, propran hejmon ! Mi tiel ofte diris al mi mem : Gys, imagu ke vi havus propran hejmon. Kiam vi revenus de l'ŝipo, vin renkontus bela kaj dolĉa edzino kaj infaneto kiel la knabino. — Kiel vi estus feliĉa kaj kiel vi ilin amegus.—Sed,tiom da feliĉo mi ne povus posedi.

Elsje. — Ankaŭ neniu devas timi iam suferi kiel ni.

Gys. — Sed pri tio oni ja ne pensas antaŭe.Ĉe la bordo povas ankaŭ okazi akcidento. Kaj ni ja estas ankaŭ utilaj. (*silento*) Diru, Elsjo, ĉu vi neniam pensis pri propra hejmo ?

Elsjo (*rigardante lin*). — Certe Gys, ĉu vi pri tio dubas ? Mi intencis edziĝi kiam Barend estus reveninta. De tiel longe mi povus jam posedi propran domon, sed li, kiun mi amis pli ol patron kaj patrinon, mortis en la ondoj.

Gys. — Ĉu vi amis lin pli ol vian patron kaj patrinon ?

Elsje. — Certe !

Gys. — Tiam, vi multege amis lin. — Mi neniam konis mian patron kaj patrinon, mi ne komprenas tion, sed kiam mi pripensas kiel via patrino estas por vi kaj la knabino, tiam mi opinias ke sendube mia patrino estis ankaŭ tiel, kaj tiam mi sentas, ke ne eĉ unu momenton da doloro mi povus al ŝi okazigi.

Elsje (*prenas lian manon*). — Vi estas bona knabo.

Gys (*tenante ŝian manon*). — Ĉu vi kredas tion ?

Elsje. — Certe, vi havas bonan koron, kaj mi esperas ke vi ankoraŭ povus esti feliĉa.

Gys (*kiel supre*). — Kaj ĉu vi opinias ke mi ankoraŭ povos esti tre feliĉa ?

Elsje. — Kial ne ?

Gys (*kiel supre*). — Ĉu vi konus iun kiu povus igi min feliĉa ?

Elsje (*forigas la manon*). — Mi ?

Gys. — Jes, Vi !

Elsje. — Ho Gys, vi scias ke mi preskaŭ neniun konas tie ĉi. Mi ne bone konas la filinojn. — Sed, Tryntje Blom, kiu ofte venas en la butikon, ĉu ŝi ne estus bona por vi ?

Gys. — Gerrit Verduin jam amindumas ŝin, kaj se eĉ li ne farus tion, ŝi ne estus mia.

Elsjo. — Kial ne ?

Gys. — Kial ne ? Kial ne ? Mi ne povas diri tion, aŭ pli bone, mi tamen povas ĝin diri : Ŝi ne multe plaĉas al mi.

Elsje. — Estas tute diferenta.

Gys. — Mi tamen konas iun, kiu ege plaĉas al mi, sed mi ne kuraĝas al ŝi konfesi. (*silento dum kelkaj momentoj*) Diru Elsje, vi ege amis Barend, ĉu ne ?

Elsje. — Jes, Gys, multege.

Gys. — Sed, nun, kiam ne plu restas espero, ĉu vi neniam pensis ami alian personon ?

Elsje. — Tian ideon mi neniam havis, kaj ĉe mi neniam ĝi alvenos.

Gys. — Tion, vi ne scias.

Elsje. — Mi tamen diris jam al vi, kaj vi scias ke mi kun neniu interrilatas. Mi ne konas la junulojn.

Gys. — Kaj mi, mi tamen ne estas indiferenta al vi, tion mi scias. (*ŝancelante*) Sed, ĉu vi ankaŭ povus iom ami min ? (*prenas ŝian manon*)

Elsje. — Gys !

Gys. — (*simple kaj senteme*) : Nu, diru ke vi iomete amas min. Mi tiel dezirus feliĉigi vin, forgesigi ĉiun doloron, vi estus la feliĉo de mia vivo. Mi ankaŭ estas tute sola en la mondo, kaj mi multege jam suferis. — Kune ni estus tiel feliĉegaj. — Nu, diru ke vi iomete amas min..... vi silentas..... Kial ?... kia baro ekzistas.. nu, diru al mi ?

Elsje (*sin levante*). — Ho Gys, nenion demandu... kredu min, mi ne povas iĝi via edzino.

Gys. — Vi ne povas ?

Elsje. — Ne Gys ! Vi devigas min malkaŝi sekreton kiun nur mia patrino kaj Majstro Scholten konas. Mi ne povas iĝi via edzino, tial ke...

Gys. — Nu diru tion al mi !

Elsje (*montrante maldekstren*) — Ŝi estas mia infano !

Gys (*ekstarante kun dolora emocio*). — Via infano !... Ĉu la knabineto estas via infano ?

Elsje (*mallaŭte*). Jes !

Gys. (*dolerege*) : Vi do trompis min ! Vi kiun mi kredis tiel pura, tiel pura, tiel bona ! Se vi neniun pri tio al mi dirinta estus, se vi plibone min estus forpelinta, se vi neniam estus afable parolinta al mi, mi estus pli feliĉa, nun,... (*paŭze*) Via infano ! ... Sed kiu estas la fripono, la mizerulo, kiu trompis kaj forlasis vin, kaj rabis mian feliĉon ?.. Diru al mi kie li loĝas, kiu li estas, kaj mi...

Elsje. — Mi ne estas trompita, Gys, mi ne estas vole forlasita. Dio volis tion. Barend estas ŝia patro.

Gys. — Barend... Barend kiu estas mortinta... Barend kiu ne plu povas paroli !... Tion mi ne kredas.

Elsje. — Tio estas tamen la vero, Gys.

Gys. — Kian pruvon vi posedas ?

Elsje (*montras la ŝipeton*). — Tie, ĝi staras !

Gys. — La ŝipeto ?... Bela pruvo ! Ne, vi trompas min... kial, mi ne scias. Mi ne atendis tion de vi... Mian vivon al vi mi estus

oferinta, kaj, ĉion mi farinta estus. Tion vi sciis, tion vi rimarkis. Kaj nun, kiam mi esprimas amon, vi devis malkovri vian sekreton; vi kredis min sufiĉe malkuraĝa kaj bona por kredi ĉion.

ELSJE. — Gys !..

GYS. — Vi neniam revidos min. Mi ne estos tiel perfida por konigi vian sekreton al aliaj. Ian tagon oni ĝin ekscios, mi nur volas diri al vi, ke mi vin kompatas. Adiaŭ ! (*foriras tra la meza pordo*).

ELSJE (*sola*). - Gys !.. Li ne kredas min (*iras al la maldekstra pordo*) kial mi povis imagi, ami iun alian ol Barend. Estas pli bone tiel. (*malfermas la pordon*). Ne mia infano, mi restos kun vi...

... Sola.... tute sola. Neniu partigos vian amon kun mi, kiam vi fariĝos pli granda, vi min kredos, ĉu ne ? Vi al mi kompencos ĉion kion mi suferis, kaj suferos ankoraŭ (*ekpreparas la kafon*). Ĉu mi rakontos tion al patrino ?.. Ne, tio tro malgajigos ŝin, sed poste ? Ĉu la homoj kredos min, aŭ ĉu ili faros kiel Gys, kaj forlasos min kiam ili scias ke mi estas patrino ne edziniĝinta ?

## SCENO KVINA.

ELSJE, GEERT, SCHOLTEN.

(*Geert kaj Scholten eniras*).

GEERT. — Tason da kafo, Majstro ? Elsje, mi esperas, ĝin preparis.

SCHOLTEN. — Mi certe akceptas ! Bonan tagon Elsje, ĉu vi bone fartas ? Kaj la bubo ?

ELSJE. — Bone, Majstro, kaj sane, mi vin dankas.

SCHOLTEN. — Nu, des pli bone. Kie estas Gys ?

ELSJE. — Li ĵus foriris, Majstro.

GEERT. – Ĉu la knabo tiel rapidis. Ĉu vi devas ankoraŭ paroli kun li hodiaŭ ?

SCHOLTEN. — Jes, li iras morgaŭ al Scheveningen, kaj li samtempe povos fari por mi komision.

GEERT. — Li tion rakontis jam. Li alportos leteron al la ministrejo. (*Scholten jesas*). Ho. Majstro ! Tiu ĉi klopodo estas vana, mi pensas.

SCHOLTEN. — Kara Sinjorino Barendse, persistante, oni venkos. Mi ne pretendas ke tiamaniere mi povus revivigi vian edzon kaj Barend, sed mi volas scii, kie restis la ŝipo. La ministraj oficistoj ne multe laboras, kaj lasu ilin serĉi kaj esplori ion por mi, kiu jam de kvardek jaroj estas ĉe la instruado.

(*Daŭrigota*)




ANTWERPEN

32-34, Van Dyckstraat

apud la Parko

—o—




Tapetoj

*La deveno de ĉiuj komercaĵoj estas garantiata.*
*Oni fabrikas laŭ mezuro kaj skizo.*

33

**Aĉetado kaj Vendado de okazaĵajlibroj**

# JOS. SOLY

LIBRISTO

*11, SINT JORISPOORTSTRAAT,*

ANTWERPEN

48